4ª Oktobro 1908ª. 93ª NUMERO.
SEPESMA YARO, duesma numero.




MEMBRO DI L' PROFESIONAL' UNIONO DI L' PERIODALA BELGA GAZETARO.

Affilié à l'Union professionnelle de la Presse Périodique Belge.

DIREKTEYO : Redakto ed Administro,
10, rue Isidore Verheyden, BRUXELLES.

YARKOLEKTO : 6 FR.

KONTENAJO.



Imprimisto-Editisto A.-J. WITTERYCK, Nouvelle Promenade, 4, Bruges.

# Délégation pour le choix d'une langue auxiliaire internationale.

Le comité de la Délégation pour le choix d'une langue auxiliaire internationale était composé comme suit :

M. Manuel C. Barrios, doyen de la Faculté de Médecine de Lima, président du Sénat du Pérou;

M. J. Baudouin de Courtenay, professeur de linguistique à l'Université de Saint-Pétersbourg;

M. Émile Boirac, recteur de l'Université de Dijon;

M. Ch. Bouchard, membre de l'Académie des Sciences de Paris, professeur à la Faculté de Médecine;

M. W. Förster, président du Comité international des poids et mesures, ancien directeur de l'Observatoire de Berlin ;

M. G. Harvey, éditeur de la *North American Review* (New-York);

M. Otto Jespersen, membre de l'Académie danoise des Sciences, professeur de philologie à l'Université de Copenhague;

M. S. Lambros, ancien recteur de l'Université d'Athènes;

M. C. Le Paige, directeur de la Classe des Sciences de l'Académie royale de Belgique, administrateur-inspecteur de l'Université de Liège;

M. W. Ostwald, membre de la Société royale des Sciences de Saxe, professeur émérite de l'Université de Leipzig;

M. Hugo Schuchardt, membre de l'Académie impériale des Sciences de Vienne, professeur de l'Université de Graz ;

M. Gustav Rados, membre de l'Académie hongroise des Sciences;

M. W. T. Stead, éditeur de la *Review of Reviews* (Londres);

M. G. Peano, membre de l' Académie de Lincei et de l'Académie des Sciences de Turin, professeur à l'Université de Turin.

Secrétaires : M. L. Couturat, Docteur ès lettres,
M. L. Leau, Docteur ès sciences.

Le Comité s'est réuni au Collège de France, à Paris, du 15 au 24 octobre 1907, et a tenu 18 séances, Il a élu président d'honneur M. W. Förster; président, M.W. Ostwald; vice-présidents, MM. Baudouin de Courtenay et Jespersen.

Ses travaux ont abouti à la décision suivante :

*„ Le Comité a décidé d'adopter en principe l'*Esperanto*, en raison de sa perfection relative et des applications nombreuses et variées auxquelles il a déjà donné lieu, sous la réserve de certaines modifications à exécuter par la Commission permanente dans le sens défini par les conclusions du Rapport des secrétaires et par le projet de* Ido, *en cherchant à s'entendre avec le Comité linguistique espérantiste „.*

Le Comité avant de se séparer a nommé une commission permanente constituée comme suit : W. Ostwald, président; Baudouin de Courtenay, Jespersen, L. de Beaufront, L. Couturat, L. Leau.

---

Cette commission permanente publie une revue, *Progreso* « Konsakrata a la propagado, libera diskutado e konstanta perfektigado di la Internaciona Linguo ».

Cette revue discute librement la question linguistique. La Internaciona Linguo — dénommée ILO — n'est pas présentée comme solution ne varietur mais comme solution indéfiniment perfectible.

4a Oktobro 1908a. 93a NUMERO.
SEPESMA YARO, Duesma numero.

LIBERA DUONMONATALA GAZETO ESPERANTISTA.




JOURNAL BI-MENSUEL DES ESPÉRANTISTES LIBRES.

Aliĝinta al la profesia Unuiĝo de la Perioda Belga Gazetaro. | Membro di l' profesional' Uniono di l' Periodala Belga Gazetaro.

## PAROLO DE Dro L. ZAMENHOF

ĈE LA MALFERMO DE LA

## KVARA ESPERANTISTA KONGRESO

Sinjorinoj kaj Sinjoroj !

Aperante antaŭ vi kiel tradicia malfermanto de la esperantistaj kongresoj, mi permesas al mi antaŭ ĉio esprimi la plej respektan dankon de nia kongreso al Lia Regnestra Moŝto la Reĝo Frederiko Aŭgusto de Saksujo por la granda honoro, kiun li faris al ni,prenante sur sin la altan protektadon de nia kvara kongreso. Mi esprimas ankaŭ profundan dankon de nia kongreso al Sinjoroj la Ministroj kaj aliaj eminentaj personoj, kiuj bonvolis eniri en la honoran prezidantaron kaj honoran komitaton de nia kongreso. Mi esprimas ankaŭ nian dankon al tiuj landoj, kiuj sendis al nia kongreso oficialajn delegitojn, kaj al la alilandaj konsuloj, kiuj honoris nin per la reprezentado de iliaj landoj ĉe nia malferma kunveno. Nun la unuan fojon nia kongreso aperas sub la oficiala sankcio de regnestro kaj registraro ; mi estas certa, ke la Esperantistoj alte taksos la gravecon de tiu ĉi fakto ; mi esperas, ke ĝi estos komenco de tiu nova tempo, kiam nia ideo ĉesos esti penado de nur privataj personoj, sed ĝi fariĝos grava tasko por la registaroj de la mondo.

En la nomo de la kvara tutmonda esperantista kongreso mi salutas la landon germanan, kies gastoj ni ĉiuj estas en la nuna momento ; precipe mi salutas la Saksan reĝlandon, kiu al ni, filoj de la plej diversaj landoj kaj gentoj, aranĝis belan akcepton en sia centro mem, en sia fama kultura ĉefurbo. Mi esprimas nian koran dankon al la Saksa registaro kaj precipe al la Dresdena urbestraro por la tuta helpo, kiun ili donis al nia kongreso kaj por la saluto, kiun ili aŭdigis al ni per siaj estimataj reprezentantoj.

Fine mi esprimas, certe en la nomo de ĉiuj esperantistoj, nian koran kamaradan dankon al niaj germanaj samideanoj kaj antaŭ ĉio al nia Kvaro por la Kvara, kiuj prenis sur sin la malfacilan taskon aranĝi nian kongreson ĝuste en ĉi tiu jaro, kiam ekzistis tiom da malhelpoj, kaj kiuj, dank' al sia granda sindoneco, aranĝis ĉion en la plej bona maniero kaj enskribis per tio tre gravan paĝon en la historion de nia afero.

Germanujo, la lando de la filozofoj kaj poetoj, kiu estis iam la centro de la humanistoj, havas por nia ideo specialan signifon per tio, ke en ĉi tiu lando, dank' al la neforgesebla granda merito de la pastro Johann Martin Schleyer, nia ideo ricevis sian unuan disvolviĝon kaj la unuan potencan puŝon antaŭen, Germanujo sekve estas la lulilo de la ideo de lingvo internacia. Ni, speciale esperantistoj, havis ankaŭ en Germanujo niajn unuajn plej gravajn batalantojn, Einstein kaj Trompeter. Estas vero, ke poste en la daŭro de tre longa tempo nia ideo en ĉi tiu lando ŝajnis tute mortinta ; sed en la lastaj jaroj ĝi tie ĉi denove vigle reviviĝis, kaj ni havas plenan esperon, ke post nia nuna kongreso, kiam la Germanoj ekkonos nin pli proksime kaj konvinkiĝos per siaj propraj okuloj kaj oreloj, ke ni ne estas iaj teoriaj fantaziuloj, nia afero ĉi tie ekfloros ne malpli potence, ol en la aliaj grandaj landoj, kaj en la komuna ĉiuhoma afero Germanujo baldaŭ okupos unu el la plej honoraj lokoj.

Karaj Samideanoj !

En la daŭro de la lasta jaro en nia afero okazis faktoj, kiuj maltrankviligis por iom da tempo la mondon esperantistan. Nun ĉio jam denove trankviliĝis. Nia arbo, pri kiu mi parolis en Kembriĝo, en la pasinta jaro plej konvinke montris sian tutan fortecon kaj sanecon, ĉar malgraŭ la tute ne atenditaj atakoj, kiuj en la daŭro de kelka tempo kaŭzis grandan krakadon, la arbo konservis sian tutan potencon kaj perdis nur tre malmultajn foliojn. Malgraŭ la kaŝite preparitaj kaj rapide plenumitaj atakoj, kiuj ne donis al niaj soldatoj la povon dece orientiĝi kaj interkomunikiĝi, ĉiu el ili sur sia aparta loko staris forte kontraŭ ĉiuj forlogoj, kaj nur tre malmultaj lasis sin kapti per lertaj vortoj. Super la okazintaj faktoj ni povus sekve silente transiri al la tagordo. Tamen, por gardi niajn venontajn batalantojn kontraŭ similaj surprizoj, mi permesos al mi diri kelke da vortoj pri tiu temo. El la tempo pasinta ni ĉerpu instruon por la tempo venonta.

Pasis jam ĝuste tridek jaroj de la momento, kiam Esperanto unue aperis antaŭ malgranda rondo da amikoj ; pasis jam dudek unu jaroj de la momento, kiam Esperanto unue aperis publike antaŭ la mondo. Tre malforta ĝi estis en la unua tempo ; ĉiu plej malgranda bloveto povis ĝin renversi kaj mortigi. Ĉiu bona vorto de la plej sensignifa homo aŭ de la plej senvalora gazeto donis al niaj pioniroj esperon kaj kuraĝon ; ĉiu atakanta vorto kaŭzis al ili doloron. Kiam antaŭ dudek jaroj la Amerika Filozofia Societo volis preni la aferon de lingvo internacia en siajn manojn, tio estis por la aŭtoro de Esperanto tiel altega kaj neatingebla aŭtoritato, ke li, kiu tiam havis ankoraŭ la rajton disponi pri Esperanto, tuj decidis fordoni ĉion al la manoj de

tiu societo, ĉar, estante tute sensperta, li tiam ankoraŭ ne sciis, kia grandega diferenco estas inter teorio kaj praktiko.

Feliĉe la entrepreno de la Amerika societo ne sukcesis. Mi uzas la vorton « feliĉe », ĉar efektive nun, kiam mi estas pli sperta, por mi estas afero tute senduba, ke, se la entrepreno de tiuj teoriistoj daŭrus iom pli longe, la tuta ideo de lingvo internacia jam de longe estus tute senkreditigita kaj enterigita por ĉiam, aŭ almenaŭ por tre longa, longa tempo.

Niaj pioniroj laboris, kaj la afero kreskis. Baldaŭ ni ĉiam pli kaj pli akiradis la konvinkon, ke de teoriistoj ni devas atendi tre malmulte da bono por nia afero; ke ĉiuj laŭdoj kaj mallaŭdoj de flankaj personoj havas por ni nur tre malgrandan signifon; ke ni devas fidi nur niajn proprajn fortojn, nian propran paciencon kaj konstantecon; ke la mondo venos al ni nur tiam, kiam ĝi vidos en ni potencon, kiam ĝi vidos, ke ni ne palpas en mallumo, ke ni ne perdas hodiaŭ, kion ni akiris hieraŭ, ke nia vojo estas klara kaj rekta kaj ni de ĝi neniam deflankiĝas.

Sed ne per unu fojo ni venis al tiu fortika konvinko. En la unua tempo, vidante, ke nia afero progresis tre malrapide kaj malfacile, multaj esperantistoj pensis, ke la kaŭzo de tio kuŝas en nia lingvo mem, ke, se ni nur ŝanĝos tiun aŭ alian detalon, la mondo tuj venos al ni en granda amaso. Tiam venis la periodo de la granda postulado de reformoj. Feliĉe tiu periodo daŭris ne longe. La esperantistoj baldaŭ konvinkiĝis, ke veni al ia komuna, ĉiujn kontentiganta kaj silentiganta interkonsento pri la esenco de la reformoj estas tute ne eble, kaj la ekstera mondo, kiujn la reformemuloj celis, restis absolute indiferenta koncerne tion, ĉu tiu aŭ alia detalo havas en nia lingvo tian formon aŭ alian; oni baldaŭ konvinkiĝis, ke per reformado ni nur perdos ĉion ĝis nun akiritan kaj gajnos absolute nenion. Tiam la esperantistoj firme decidis ne paroli plu pri iaj reformoj. Kelkaj tre malmultaj malkontentuloj forlasis Esperanton kaj kune kun kelkaj ne-esperantistoj, kiuj rigardis sin kiel plej kompetentajn en la afero de lingvo internacia, komencis inter si ĝis nun ankoraŭ ne finiĝintan kaj neniam finiĝontan diskutadon pri diversaj lingvaj detaloj, kaj ili staras nun sur tiu sama punkto, sur kiu ili staris antaŭ dekkvar jaroj. La tuta cetera esperantistaro en plena harmonio forte grupiĝis ĉirkaŭ sia konstanta standardo kaj faris de tiu tempo grandan, grandegan marŝon antaŭen.

De la tempo, kiam la esperantistoj ĉesis paroli pri reformoj, komenciĝis por Esperanto periodo ĉiam pli kaj pli brilanta. En la komenco, sub la premo de tre grandaj malhelpoj eksteraj, ni progresadis tre malrapide kaj malfacile. Sed sub la influo de nia plena interna harmonio kaj nia nedekliniĝa irado rekte antaŭen, niaj fortoj ĉiam pli kaj pli kreskis. Nun ni atingis tian potencon, pri kiu multaj el ni antaŭ dek jaroj ne kuraĝis eĉ revi, kaj se ni marŝos en tia sama harmonio kiel ĝis nun, nenia forto en la mondo povos haltigi nian iradon, kaj ni plene atingos nian celon. Ĉiuhore kreskas la nombro de niaj partianoj, ĉiutage pligrandiĝas la nombro de niaj grupoj. Nia literaturo kreskas tiel senhalte kaj rapide, ke multaj malgrandaj nacioj jam nun povas nin envii. La praktika uzado de nia lingvo fariĝas ĉiam pli kaj pli granda. Dum ankoraŭ antaŭ ne longe oni tute silentis pri ni kaj poste oni nin mokis, nun oni jam ĉie nin respektas, kiel grandan potencon. Eĉ tiuj niaj principaj kontraŭuloj, kiuj antaŭ ne longe malŝate rigardis nin de alte, nun jam krias alarmon.

Nia lingvo mem konstante pli riĉiĝas kaj elastiĝas. Iom post iom konstante aperas novaj vortoj kaj formoj, unuj fortikiĝas, aliaj ĉesas esti uzataj. Ĉio fariĝas kviete, senskue kaj eĉ nerimarkeble. Nenie montriĝas ia diferenciĝado de nia lingvo laŭ la diversaj landoj, kaj ju pli spertaj fariĝas la aŭtoroj, des pli similiĝas reciproke ilia uzado de nia lingvo, malgraŭ la granda malproksimeco de iliaj lokoj de loĝado. Nenie rompiĝas aŭ difektiĝas la kontinueco inter la lingvo malnova kaj nova, kaj malgraŭ la fakto, ke nia lingvo forte disvolviĝas, ĉiu nova esperantisto legas la verkojn de antaŭ dudek jaroj kun tia sama perfekta facileco, kiel esperantisto tiutempa, kaj li eĉ ne rimarkas, ke tiuj verkoj estas skribataj ne nun, sed en la unua, suĉinfana periodo de nia lingvo.

Nia afero regule kaj trankvile iras antaŭen. La tempo de la teoriaj juĝoj kaj de kliniĝado antaŭ ŝajnaj aŭtoritatoj jam de longe pasis. Se iu nun esprimas sian opinion aŭ konsilon pri Esperanto, oni jam ne demandas, ĉu li estas homo grandfama aŭ ne, — oni nur demandas, ĉu liaj konsiloj estas konformaj al la naturaj bezonoj kaj la natura irado de nia lingvo aŭ ne. Se iu glornoma persono en plena nesciado de nia afero esprimas iun el tiuj sensencaĵoj, kiujn ni jam tiel ofte aŭdis, ekzemple, ke arta lingvo estas utopio, ke la esperantistoj sin reciproke ne komprenas, k. t. p., aŭ se li, forgesante la nunan staton de Esperanto kaj la teruran ekzemplon de la Volapüka akademio, postulas, ke ni rebaku la tutan lingvon laŭ lia teoria recepto, — tiam ni, esperantistoj, indiferente ĉion aŭskultas kaj trankvile iras nian vojon.

Ne por fieri pri nia forteco mi diras ĉion ĉi tion: neniu el ni havas la rajton esti fiera, ĉar nia forteco ne estas la merito de iu el ni aparte, sed ĝi estas nur la rezultato de multejara pacienca laborado de *multo* da personoj. Mi volis nur atentigi vin pri tio, ke en nia afero ĉio povas esti atingita nur per harmonio kaj konstanteco. Se nin ne gvidus fera konstanteco, nia lingvo jam de longe ne ekzistus, kaj la vortoj « lingvo internacia » estus nun la plej granda mokataĵo por la mondo.

La longa kaj malfacila batalado nin hardis, kaj ne sole la voĉoj de apartaj personoj, sed eĉ la premo de ia granda potenco nun jam ne povus deklini la esperantistaron de ĝia klara kaj rekta vojo. Kia do estas la kaŭzo, ke en la pasinta jaro en nia tendaro subite naskiĝis tia granda vento, kiu en la daŭro de momento minacis alporti al ni tiom da malbono? Kiu estis tiu ŝajne grandega forto, kiu por momento enportis tian neatenditan konfuzon en nian mezon? Nun, kiam ĉio jam klariĝis, ni povas konfesi, ke ĝi ne estis ia eksterordinare granda potenco, ĝi estis simple kelkaj malmultaj personoj; sed la danĝereco de ilia atako, konsistis en tio, ke tiu atako ne venis malkaŝe el ekstere, sed ĝi estis kaŝite preparita kaj tute neatendite aranĝita *interne* de nia tendaro.

Ĝi estas historio, pri kiu mi ne volas paroli. Nun mi volas nur diri jenon: ni ĉiuj estas reprezentantoj de la ideo de lingvo internacia, ni faru kun ĝi, kion ni volas, sed ni agu honeste kaj ni memoru, ke pri niaj agoj la estonteco severe nin juĝos. Memoru, ke Esperanto estas nenies propraĵo, ke la esperantistoj havas plenan rajton fari kun ĝi ĉion, kion ili volas, se ili nur faros ĝin singarde, lojale kaj interkonsente. Nur por gardi nian lingvon kontraŭ anarĥio de la flanko de apartaj personoj, nia lingvo havas sian plej senpatie elektitan kaj el plej konpetentaj personoj konsistantan kaj konsistantan Lingvan Komitaton, kiu, dependante de neniu mastro, havas plenan rajton kaj plenan povon esplori kaj prezenti al la sankcio de la esperantistaro ĉion, kion ĝi volos. La Bulonja Deklaracio malpermesas nur, ke apartaj personoj rompu la lingvon *arbitre*, ĝi estas kreita nur por gardi la ekstreme necesan *kontinuecon* en nia lingvo. Se iu el vi trovas, ke ni devas fari tion aŭ alian, prezentu vian deziron al la Lingva Komitato. Se tiu Komitato ŝajnos al vi tro konservativa, tiam memoru, ke ĝi ekzistas ne por la plenumado de diversaj personaj kapricoj, sed por la gardado de la interesoj de la tuta esperantistaro; ke pli bone estas, ke la Komitato faru tro malmulte, ol ke ĝi facilanime faru ian paŝon, kiu povus malutili al nia tuta afero. Ĉar vi ĉiuj konfesas, ke la esenco de nia lingvo estus ĝusta kaj oni povas disputi nur pri detaloj, tial ĉio bona kaj ĉio efektive necesa povas facile esti farata en ĝi per vojo lojala, en harmonio kaj paco.

La personoj, kiuj volas altrudi al la tuta esperantistaro siajn dezirojn, diras ordinare, ke ili havas la plej bonajn ideojn, kiujn la plimulto da esperantistoj certe aprobus, sed iaj ĉefoj ne volas ilin aŭskulti kaj ne permesas al ili prezenti siajn ideojn por esplorado. Tio estas ne vera. Vi scias, ke laŭ la nova ordo, kiun per komuna voĉdonado akceptis por si nia Lingva Komitato, ĉiu homo ne sole havas la rajton prezenti al la Komitato siajn proponojn, sed se la propono havas eĉ nur plej malgrandan ŝajnon de seriozeco, se inter la cent membroj de la Komitato la propono akiris por si eĉ nur la aprobon de *kvin* personoj, tio jam sufiĉas, ke la Lingva Komitato estu *devigata* esplori tiun proponon. Vi vidas sekve, ke neniu povas plendi, ke oni lin ne aŭskultas aŭ ke iaj ĉefoj prezentas al voĉdonado nu tion, kion *ili* deziras.

Se iu diras al vi, ke oni devas ĉion krude rompi, se oni per ĉiuj fortoj kaj per ĉiuj eblaj rimedoj penas malkontentigi vin; se de la vojo de severa unueco, de tiu sola vojo, kiu povas konduki nin al nia celo, oni penas forlogi vin, — tiam gardu vin! tiam sciu, ke tio kondukas al malordigo de ĉio, kion multaj miloj da personoj atingis por la granda ĉiuhoma ideo per multejara pacienca laborado.

Mi finis. Pardonu al mi la malagrablan temon, kiun mi elektis. Ĝi estas la unua kaj espereble ankaŭ la lasta fojo en la historio de niaj kongresoj. Kaj nun ni ĉion forgesu; ni komencu la grandan feston, por kiu ni ĉiuj kunvenis el la diversaj landoj de la mondo; ni ĝoje pasigu nian grandan ĉiujaran semajnon de la pure homara festo. Ni memoru pri tio, ke niaj kongresoj estas ekzercanta kaj edukanta antaŭparolo por la historio de la estonta interfratigita homaro. Por ni estas grava ne iaj bagatelaj eksteraj detalaĵoj de nia lingvo, sed ĝia esenco, ĝia ideo kaj celo, tial ni antaŭ ĉio devas zorgi pri ĝia seninterrompa *vivado*, pri ĝia senhalta *kreskado*. Granda estas la diferenco inter homoinfano kaj homo-viro; granda eble estos la diferenco inter la nuna Esperanto kaj la evoluciinta Esperanto de post multaj jarcentoj; sed dank'al nia diligenta gardado, la lingvo fortike vivos, malgraŭ ĉiuj atencoj, ĝia spirito fortiĝos, ĝia celo estos atingita, kaj niaj nepoj benos nian paciencon.

## La IV[a] Internacia Kongreso de Esperanto
EN DRESDEN.

Tiuj, kiuj ĉeestis la tri unuajn kongresojn, certe memoras ankoraŭ la belajn ekskursojn faritajn en Wimereux, Vevey, Ĝardenurbo kaj ĉefpreĝejo en Elly. Sed, legantaro mia, fidu al mi, la Kvaro por la Kvara zorgis tiel bonege ke la plezurvojaĝoj faritaj en la ĉirkaŭaĵo de Dresdeno multe superis la ĵus cititajn.

La unua ekskurso — ĝi nur estis kvazaŭ preparo por pli pitoreska — estis la ŝipveturo al Meissen. Mi ne priskribos la pentrindaĵojn viditajn dum la malsuprenveturo de l' bela Elbo. Sufiĉas diri ke la partoprenantoj estis tiom multaj ke tri ŝipoj povis apenaŭ transporti la ĝojan samideanaron. Ĝojaj ni ĉiuj estis, ĉar la forveturo okazis tuj post bonega tagmanĝo — almenaŭ mi ĝin supozis « bona » por ĉiuj — kaj dum sunplena tago : la riverbordoj estas montecaj, ĉie oni vidas ravajn vilaĝojn, kastelojn ; en Kotzschenbroda flagoj esperantistaj salutas nin! Sur la ŝipoj regas bruo senfina, ĉiam kreskanta, ĉar estas tre oportuna loko por revidi malnovajn amikojn, konatiĝi kun korespondantoj ne ankoraŭ persone konitaj, interrilati kun fremdaj esperantistoj. Vere, ĉie regas kora ĝojo !

Sed post duhora veturo ekaperas en la malproksimeco fortika konstruaĵo ; la vidaĵo fariĝas baldaŭ pli preciza : estas la nigraj turoj de l' katedralo Meissen'a.

Amasego da personoj atendas nin : standardoj gaje flirtadas dank' al favora venteto, la urba muzikistaro aŭdiĝas, la Meissen'aj grupanoj alproksimiĝas, la ŝipoj albordiĝas kaj post kelkaj minutoj ne plu estas homoj, sed homa maro. Muziko, pafado, krioj, kantoj, ĝenerala entuziasmo !

Iom post iom, ĉio moviĝas ; kiel decas, la muzikistaro ekmarŝas kaj tra interesaj stratoj kondukas nin al la foirejo,antaŭ la urbdomo.Plezure mi konfesas ke malofte en mia vivo mi vivis tiel emociantan momenton kiel en la foirejo Meissen'a. La placo estas pentrinda kaj originala ; nur malnovaj konstruaĵoj kun ruĝaj tegmentoj, brilantaj pro fajra suno.

La urbo Meissen povas fieriĝi pri fama historio de pli ol mil jaroj; sur tiu placo,en tiu urbdomo,episkopoj, reĝoj, imperiestroj, eminentuloj ĉiuspecaj haltis en la plej malproksimaj tempoj !

Kompreneble, kiam sur la balkono de l' urbdomo aperis la urbestro Muller, D[ro] Zamenhof ĉirkaŭitaj de aliaj oficialaj konsilanoj kaj esperantistoj, la vidaĵo estis miriga. Nevole, la spirito de ĉiu transportis sin al la jam de longe forpasintaj jaroj, kiam la princoj, la reĝoj alparolis la kunvenintan popolon por instigi, eksciti aŭ trankviligi ĝin !...

La koroj de l' kongresanoj fortege batas en la brustoj ! Per tondra voĉo, S[ro] Muller salutas la gloran elpensinton de Esperanto, la modestan servanton de l' ideoj pacaj ; D[ro] Mybs, similvoĉe, dankas je l' nomo de D[ro] Zamenhof kaj de la esperantistaro. Aplaŭdado varma, kaj poste supreniro al la fama Albrechtkastelo.

Fanfaroj sonas tuj en la dentoj de l' antikvaj muroj kaj alvokas la suprenirantaron. Jen komenciĝas la vizito de l' artfama kastelo. Sed parto de la ekskursantoj direktas sin al la mondfama porcelanfabrikejo ; bedaŭrinde ili estas tiom multnombraj ke malmultaj el ili povis vidi aŭ ekzameni ion ajn.

Je la 6 1/2 h. la katedralo allogas amasojn da verdsteluloj : estas la momento de l' komenciĝo de la koncerto. Ĉar Meissen estas antikva urbo, la ĉefpreĝejo ankaŭ estas antikva. Multaj centjaroj forpasis jam de l' tempo, kiam oni konstruis tiun monumenton ! Oni do povas konjekti ke sub ĝiaj volboj kantis homoj ĉiunaciaj, aŭdiĝis kantoj ĉiulingvaj. Tamen, en la nuna momento alia liturgia lingvo ĉarmos la orelojn de aŭdantaro tute speciala, ĉar kvankam ĝi konsistas el reprezentantoj de multaj nacioj ili facile komprenas unu la alian,dank al la kreitaĵo de Zamenhof.

La kantoj estis mirindaj. Ĉiuj aŭskultantoj memoros longatempe la majestecon de tiu muzika festo.

Tuj post la finiĝo de l' koncerto, aroj da ekskursantoj direktas sin al la vasta restoracio Geipelburg; aliaj preferas malpli grandan manĝejon kaj la ceteraj estas rimarkintaj ke oportunaj kaj decaj kafejoj, bierejoj, restoracioj troviĝas sur la bordo de l' riverego.

Ne jam finita estas tiu esperantista tago !

En la supra salono devas okazi festo : kantoj, rakontoj, teatraĵo. Eble estis tro multe da materialaĵo. Kvankam mi tute ne intencas kritiki sisteme, mi devas konfesi ke tiu vespera parto estis tre laciga kaj malbona. Mi nur diros kelkajn vortojn pri la teatraĵo. La temo mem ŝajnis al mi tiom teda ! Eble, en la originala lingvo, la Malfeliĉuloj de Kotzebue povas plaĉi, sed en Esperanto, Dio mia !..... Plie, kelkaj aktoroj agus saĝe, se nur ili lernus la esperantan lingvon ; ĉu mi kuraĝus diri ke la franca aktoro ne devus esti tiel *fidelega* al la treege malbona elparolo de l' finiĝoj verbaj ?

Cetere, mi opinias ke pro la granda varmo multaj personoj foriris antaŭ la finiĝo de l' prezentado, sed mi certigas ke la plimulto forlasis la salonon pro alia kaŭzo.....

Antaŭ ol reveturi al Dresdeno, vidaĵo miriga prezentis sin antaŭ la okuloj de miloj kaj miloj da personoj. De l' Elba ponto ĉiuj rigardis la ruĝkolorite lumigitan Albrechtkastelon ; en tiu silenta, malhela nokto la ĉielo fariĝis kvazaŭ flamiĝanta. Ĉu eble tiu incendio antaŭsciigus la aŭroron de tempoj novaj ?

Sed, kvankam ni estas en lando loĝata de gajuloj — plej agrablan kaj gajan karakteron havas la saksoj — la fervojaj oficistoj ne ŝercas : antaŭen ! al Dresdeno !

***

Ne malpli belega estis la ekskurso al la Saksa Svisujo !

Tial ke nia dum la kongreso tre afabla samideano Bourlet, prezidanto de l' pariza grupo, priskribis ĝin plej bone en la kongresa gazeto,ni kopias ĝiajn liniojn :

« Ĵaŭdon pasintan, je la 9[a] matene, la 1500 kon-
« gresanoj flue alkuras al la kajo sub la Teraso.
« Kvar ŝipoj ornamitaj per esperantaj standardoj
« kaj diversnaciaj flagoj nin atendas.
« Ni ilin baldaŭ plenigas.
« La ŝiparestro Schramm akompanata de nia
« financ-ministro sur inspektora ŝipeto parade in-
« pektas, ĉu ĉio estas en ordo.

« Nenio lamas. — Bone antaŭen! Kaj dolĉe la « ŝiparo ekveturas.
« Komforte sidantaj,ni admiras la preterpasantan « pejzaĝon.
« Jen Lossnitz kaj Weisser Hirsch; jen la granda « kampdomo — palaco de lia Majesta Reĝa Moŝto « en Pillnitz. Ne malproksime, sur la bordo,maljuna « sinjorino pentras; apude staras, en flava livreo, « kun cilindra ĉapelo, unu lakeo — ĝi estas, oni « diras, princidino Mathilde, kiu kore favoras al nia « afero.
« Wehlen.... sur ĉiuj ŝipoj eksplodas krioj — tiuj « krioj, kiuj tiel mirigas la Dresdenan gazetaron; ni « divenas... Zamenhof verŝajne estas tie. Efektive « sur la albordiga flosponto staras nia Majstro, ve- « ninta kun la familio de konsilanto Arnhold en « aŭtomobilo.
« Nun la bordoj altiĝas, altaj rokoj borderas la « riveron,kaj pli kaj pli pitoreska fariĝas la pejzaĝo.
« Ni estas ravitaj.
« La kvar ŝipoj haltas.
« La Esperantistaro malrapide elŝipiĝas, kaj nun « longa procesio komencas surrampi la vojeton,kiu, « laŭ longe de la montoj, inter ŝtonegoj, sur pontoj, « sub centjaraj arboj, suprenkondukas al « Bastei ».
« Supre sur la monto » nin atendas la tagmanĝo, « kiun ni malsataj ĝoje englutas antaŭ ol denove « ĝui la mirindan vidaĵon, kiun oni havas de sur tiu « natura fortikaĵo.
« Je la kvara komenciĝas la malsuprenirado al « Wehlen sur belega vojo, unue meze de arbaro kaj « fine en mallarĝa, profunda, de altaj rokmuregoj « borderita krampvalo.
« En Wehlen estas vilaĝa festo. La malgranda « placo estas plenigita, superplenigita de babilantaj « Esperantistoj inter kiuj kuradas, cirkuladas zorg- « plenaj kelnerinoj.
« Ĉe l' balkono de la ĉefa « Wirtshaus » aperas « frake vestita Sinjoro. — Li estas la urbestro de « Wehlen, kiu senĉese interrompata de niaj entu- « ziasmaj aplaŭdoj, nin alparolas kaj salutas en « Esperanto. Iu diris al mi, ke la urbestro konas « Esperanton de unu tago! Nia majstro D^ro^ Zamen- « hof, apud li starante, kore respondas.
« Je la 8ª ni iras al la kajo. La muzikistaro de « Wehlen akompanata de lampionportistoj nin kon- « dukas al la ŝiparo, kiun ni baldaŭ replenigas.
« Nun komenciĝas la plaĉa reveno inter la ilumin- « itaj bordoj.
« Ĉie eksplodas raketoj, ĉie eklumas artaj ruĝaj « fajroj, kiuj heligas la vila'ojn,la palacojn, kies pro- « filoj tiel fantaziplene, fee, artplene aperas sur la « nigra fono de la verdaj montetaj arbaroj.
« Gigantaj ombroj, kvazaŭ fantomoj revenintaj « el la mezepoko, ombroj de kavaliroj kaj sinjoroj, « strange projekciitaj sur la fasadoj prezentas al ni « kvazaŭ nokta teatro de la malnovaj germanaj « Riesen », kiuj revenas el la Türingaj fosaĵoj por « saluti nin.
« Jen ankoraŭ nova bonega ĉarma tago, kiun ni « ŝuldas al nia bona Kvaro, sed speciale al la agem- « eco de la nelacigebla D^ro^ Schramm. »

Luc. Blanjean.

(*Daŭrigota.*)

---

## Impresoj de Kongresano.

En Dresdeno, mi rigardis, parolis, aŭdis kaj aŭskultis; jen kial mi povas komuniki kelkajn personajn impresojn al la legantaro de *Belga Sonorilo.*

Se vi demandos al *Fidelulo* ĉu la kongreso sukcesis, li tuj respondos: « Certe, eĉ ĝi sukcesegis! » Fidu al mi! tiu *Fidelulo* estos tute prava.

Nedisputeble, la kvara kongreso superis la antaŭajn, ne nur dank al lerta organizado, sed precide dank al la gravaj apogoj, kiujn niaj germanaj samideanoj havigis al la afero: patronado de l' Reĝo de Saksujo, efika helpo de Saksaj Ministroj, de multaj urbestraroj, akcepto de diversnaciaj delegitoj ĉe l' Ministro por publika instruado en Berlino, oficialaj delegitoj Japanaj, Usonaj, k. t. p.

Kaj tamen.... Kiam mi forveturis el Dresdeno mi estis iom malĝoja, ĉar klare mi vidis ke tiuj energiaj klopodadoj de l' germana esperantistaro ne havos la influon kiun ili meritas, nur pro tio ke ĝis nun la ĉefoj de l'esperantistaro — kvazaŭa aristokratio en la esperantista ŝtato — ne antaŭsentis la nunan situacion, — fakto pli grava kaj multe pli bedaŭrinda, pro tio ke granda parto de tiu eminentularo ne vidas ĝin, aŭ eĉ ne volas ĝin vidi!

Tamen, oftajn plendojn mi aŭdis en Dresdeno. Multaj samideanoj konsentas ke la kreitaĵo de D^ro^ Zamenhof, kvankam genia, estas perfektigebla, eĉ perfektiginda, ke jam la komuna uzado difektetis ĝin, fine ke oni devus ekzameni ĝin plej zorgeme por forigi tion, kio estas malbona,por plibonigi tion, kio ne estas tute bona, por enkonduki kelkajn necesajn novaĵojn.

Ĉu niaj eminentaj ŝafistoj opinios iam ke tiuj deziroj estas multe pli atentindaj ol la sensignifaj vortoj « Ni restos fidelaj » ?

***

En la restoracio, sur la strato, en la kunsidoj, dum la ŝipveturadoj, en la Saksa Svisujo, mi renkontis pionirojn de la unuaj jaroj. Longatempe ni interbabiladis. Kompreneble, la konversacio plej ofte rilatis al la lingva demando: metode, klare, senpasie ĉiu disvolvis siajn ideojn. Ni ne interkonsentis pri ĉiuj punktoj, sed mi ricevis tiun impreson ke en la mondo esperantista, eĉ ĉe la unuaj klopodintoj, estas profunda aspiro al rimedo kiu liberigus ĉiujn de l' nuna maltrankvileco, mi ricevis tiun impreson ke pli ol unu en la L. K. opinias ke fine oni nepre devas fari ION.... kaj senprokraste.

Eble tiuj maltimemuloj sukcesos movigi nian gravan lingvan eminentularon. Ia..... malbonulo — mi supozas ke li estas tia! — murmure kaj iom sekrete diris al mi ke S^ro^ Boirac intencas konduki militpaŝe la lingvan aferon, ke li decidis reakiri la tri perditajn jarojn, ke antaŭ la Barcelona kongreso li certege prezentos al la mondo mirigita lingvon esperantan tiel glatigitan, purigitan, glazuritan, pli beligitan, pli belsonigitan, reguligitan kaj plenigitan ke ĉiuj Idistaĉoj estintaj, nunaj kaj estontaj tuj polviĝos.....

Ne timu, legantaro de B. S., tiu konfeso ne estas de S^ro^ Boirac al mi. Estas vere ke la prezidanto de la L. K. estis momente apud mi proksime de l' kastelo de Meissen, sed kiel decas kiam oni estas bone edukita,li ne salutis min! Dum mallonga foresto mia, febre li demandis al mia kunulo: « Kion postulas tiuj Belgoj? » Ĉu vi nescias tion, Sinjor' prezidanto? Kion vi legas?

***

Ĝentileco!.... Ĉu mi kaj dek el miaj kunvojaĝantoj ne aŭdis Sinon Francan, nobelulinon, diri al Sino Dana — estis sur la ŝipo veturanta al la Saksa Svisujo — : « Oni pretendas ke vi estas Idistino; tio ne estas vera, ĉu ne? Neniam mi konsentus premi la manon de Idisto! » Tre ĝentile, ĉu ne?

Imagu al vi, se vi povos, la simpatian mienon de la sama persono kaj de sia angla kunvojaĝantino, kiam, sur la sama ŝipo, ili aŭdis ke Sro Grabowski, du amikoj kaj mi, pridiskutis, varme sed amike, la reforman aferon!

Kiam oni legis la deklaron de la L. K. — « *nek la fundamento nek la L. K. estos baro k. t. p.* — ia sinjorino sidis apud mi; ŝi aplaŭdis varmeĝe sed vidinte ke mi ne aplaŭdas ŝi kvazaŭ kolere rigardas min kaj per sia plej dolĉe angla voĉo bleketas: Kial vi ne aplaŭdas, vi? — Agoj, ne vortoj, jen estas mia devizo! — Vi estas reformisto? — Jes! Iome! — Foren la reformistoj!...

Ian tagon mi ĉeestis kunsidon de l' neprofesiaj instruistoj Amerikano kaj Ĉeko estis miaj apuduloj. Sro Cart eniris kaj komencis paroladi. Li tre verŝajne ekvidis min, ĉar tuj li kritigegis tiujn, kiuj parolas pri reformoj, aldonante ke oni nur povas instrui esperanton tian, kia ĝi estas nune, ke malgrava afero estas ĉu Esperanto enhavas difektojn, ke la lernado ne estus pli facila se la lingvo estus pli bona... Miaj momentaj najbaroj rimarkigis al mi: « Oni kredus ke li nur vin vidas! »

Alian tagon mi estis en la Tunelo — restoracio — kun kvar Francoj. Ni parolis France. Alvenis la eltrovinto de « *Ni fosu nian sulkon* ». « *Ni restu fidelaj* », kaj similaj spritaĵoj. Videble kun intenco, li ne prezentis al mi la manon Unu el la kunmanĝantoj — tiu konas nian landon kaj la karakteron belgan — demandas ŝerce al la obstinega eminentulo: « Ĉu vi komprenas tiun ĉi esperantan mienon? » Respondo tondra: « Estas Idaĉo! — Ne, Sinjor' Cart, estis nur Esperantaĉo!

***

Tuj post mia alveno en la kongresa urbo ŝajnis al mi ke kelkaj esperantistoj, kiujn mi jam de longe konas, estis iom ĝenataj por alparoli min. La plimulto el ili imagis al si ke la Belgaro — por *Fidelulo*, niaj esperantistaj samlandanoj el Antverpeno ne estas Belgoj — volas renversi ĉion, ke estas tute neeble pridiskuti kun ili ion ajn, rilatantan al Esperanto, k. c. Senmanke mi rebatis tian malĝustan kaj malveran opinion, mi montris ke la plej deciditaj reformistoj estus volonte akceptintaj interkonsenton, sed ke ili ne volas sklave fleksi la kapon tuj kiam oni krias: « Fideleco! — Fosu vian sulkon! — Ne riparu vian fosilon! — Falĉisto ne akrigas sian falĉilon, kiam ĝi ne plu bone tranĉas!... »

Mi altiris la atenton de tiuj samideanoj al la agmaniero de sperta kaj sindona esperantisto, Sro Christaller, kiu ekzamenas, diskutas, t. e. argumentas; se nur oni obeus lian bonan ekzemplon, post malmulte da tempo oni povus kontentiĝi, se ne ĉiujn, preskaŭ ĉiujn, enkondukante la ŝanĝojn aŭ reguligojn necesajn, utilajn. Sed, kiel diris fiere al mi Sro Mudie: « Ni ne estas cedemaj! » — Eble vi ne estas cedemaj, sed iam vi fariĝos cedemaj; pri tio oni ne povas dubi. Povu okazi ke tiu tago ektagiĝu antaŭ ne longe!

***

Mi ĵus raportis ke por *Fidelulo* la Antverpenanoj ne estas Belgoj. Pruvo! Dum la lasta kunsido, la sekretario de l' Centra Oficejo anoncis ke la Konstanta Komitato de la Kongresoj ricevis proponon por ke oni organizu la kongreson de l' jaro 1910 en Antverpeno. Li nenion diris pri Belgujo!

Kiel movita per risorto, mi tuj levis min kaj proteste ekkriis: « La propono estas ke la kongreso okazu en Belgujo: la lando unue! — Jes, la Belga Ligo proponis Antverpenon. — Jes, sed citu unue la landon, due la urbon! » — La letero sendita al la supredirita komitato, la 31an de Julio, enhavas tiun frazon: « Mi havas la honoron proponi *Belgujon*, k. c. »

Evidente, oni intence forgesis la nomon de nia lando, ĉar la delegito de Belgujo kiu parolis je la nomo de l' Flandranoj ĵuris: « *Ni Flandranoj restos fidelaj!* »; tiu — la subskribinto de tiu ĉi artikolo — kiu parolis je la nomo de l' franclingvaj Belgoj, ĵuris *nenion*. Eble, li prave opiniis ke ĉiu estas libera, ke de pli ol 20 jaroj li mem laboradis sufiĉe por la enkonduko de lingvo artefarita, dua kaj sama por ĉiuj, por ke oni ne dubu pri sia fideleco al la nepereebla ideo de Lingvo Internacia!

LUCIEN BLANJEAN.

## AVIS IMPORTANT DE LA RÉDACTION.

Jusqu'aux derniers évènements, qui ont trouvé une solution prévue lors de l'assemblée générale de la Ligue Espérantiste Belge du 20 septembre, La Belga Sonorilo avait accepté librement d'être l'organe officiel de la Ligue et ce à titre absolument gratuit. Cela, le journal le fit par esprit d'union entre les Espérantistes belges pour une action commune, pour une confiance réciproque.

Aujourd'hui, tout aussi spontanément, La Belga Sonorilo cesse d'être l'organe de la Ligue; elle restera le journal des Belges libres défendant une même Idée.

Conséquemment, tout ce qui regarde l'ancienne Ligue, devra être dorénavent envoyé au vice-président, M. A. Van der Biest, 26, rue de l'Aigle, Anvers, qui régulièrement et provisoirement a assumé la direction de la Ligue Espérantiste Belge.

## GRAVA AVIZO DE LA REDAKCIO.

Ĝis la lastaj okazintaĵoj, kiuj trovis antaŭviditan solvon en la ĝenerala kunveno de la Belga Ligo Esperantista de la 20a Septembro, La Belga Sonorilo akceptis libere esti oficiala organo de la Ligo kaj tamen, neniam reklamis de ĝi ian monon. Tio la ĵurnalo faris por unuigi la Belgajn esperantistojn por komuna organo, por reciproka konfido.

Hodiaŭ, ankaŭ « sponte sua » La Belga Sonorilo ne plu estas organo de la Ligo; ĝi restos la ĵurnalon de la liberaj Belgaj samideanoj.

Konsekvence, ĉion, kio rilatas al la malnova Ligo, oni devas sendi al la vicprezidanto, Sro A. Van der Biest, *26, rue de l'Aigle,* Antverpeno, kiu regule kaj provizore prenis sur sin la direkton de la Belga Ligo Esperantista.

## BELGA LIGO ESPERANTISTA.

La ĝenerala kunveno de la Belga Ligo Esperantista okazis la dimanĉon 20an de Septembro en la granda salono de la «Maison des Médecins» (Domo de la Medicinistoj) 17, Grand' Place en Bruselo.

Granda aro da liganoj ĉeestas, el ĉiuj regionoj de la lando alvenis delegitoj; kun la Bruselanoj, la membroj el Antverpeno kaj Verviers estas multnombraj. Sro Massau, profesoro de la Universitato el Gand kaj Fto Izidoro, ambaŭ membroj de la Honora Komitato de la Ligo ankaŭ ĉeestas; inter la bonekonataj membroj de la Belga samideanaro ni citos: Sro Centner, honora prezidanto de la Societo «Esperanto» el Verviers, Sro Rossignol, prezidanto de la Federacio de la Instruistoj, Sro G. Roy (franco) iniciatoro de la demando pri Neŭtra Moresnet, la prezidantoj de ĉiuj ligaj grupoj, k. c.

Sro Komandanto Ch. Lemaire prezidas.

Post aprobo de la protokolo de la kunsido de la 28a de Julio 1907, Sro Jos. Jamin, ĝenerala sekretario, legas la ĉiujaran raporton pri la agado de la Ligo kaj Sro J. Coox, administranto-kasisto, prezentas la nunan situacion de la kaso de la Ligo.

Sro A. Van der Biest, vicprezidanto de la Ligo, prezentas la raporton pri la diplomoj, je l' nomo de la speciala komisio difinita por la akiro de la atesto pri profesora kapableco.

La gediplomitoj sin prezentas por ricevi tiun ateston kun gratulojn de la prezidanto, meze de la aplaŭdoj de la ĉeestantaro.

Siavice la diversaj delegitoj de la grupoj raportas pri la agado de sia societo; Sro Châ'on je l' nomo de la grupo Pioniro (Bruselo), Sro Giminne, de la grupo Bonveno (Ikselo), Sro Mathieu de la Societo «Esperanto» (Verviers), Sro Witteryck, je l' nomo de la Bruĝa grupo, kiu ankaŭ legigas protokolon de la citita grupo tute «fidelan», Sro Delvaux de la Karloreĝa grupo kaj Sro Ch. Schriewer je l' nomo de la grupo «Amikejo» el Neŭtra Moresnet.

Le sesa temo de la tagordo estas la ekzameno de la nuna interna situacio de la Ligo kaj de la ĝenerala nuna situacio de la lingva demando.

La prezidanto, Kto Ch. Lemaire, deklaracias ke li deziras nepre repreni sian plenan liberecon kaj ke la agoj de kelkaj grupoj, blinde konservatemuloj montras al li ke la revita unueco, por kiu li multe laboris, havas nenian ŝancon por sukcesi. Li skribis en Belga Sonorilo sub literoj B. S. serion da artikoloj, en kiuj li montris ke, se Esperanto akceptus nur la logikajn regulojn pri deveno starigitajn de Sro Couturat, la interkonsento estus facila. Bedaŭrinde multaj samideanoj ne atentis tiun proponon kaj de nun li intencas esplori la plenan demandon pri la reformoj. Eĉ se lia intima konvinko ne estus jam plena, ĝi tuj pleniĝus post la decido de la Berlina grupo (de kiu decidon li legas) kaj de multaj grupoj en Francujo, Anglujo kaj Germanujo. Li decidis forlasi la prezidon de la Ligo kaj invitas Son Van der Biest anstataŭi lin.

Sro Van der Biest, vicprezidanto de la Ligo, prezidas.

Sro Massau, profesoro de la Universitato de Gand sciigas ke li estis Volapukisto kiam Esperanto aperis. Pri tio, la tiamaj fundamentistoj intencis silenti kaj nur sin okupis pri financaj aferoj, vendo da broŝuroj, libroj kaj ĵurnaloj; kiam li postulis de la ĉefoj kelkajn informojn, tiuj ĉi respondis ke Esperanto estas nur lingvaĉon kaj la tridek ĵurnaloj sin deklaris fidelaj ĝis morto; efektive baldaŭ ĉiuj mortis. Kaj nune, la sama okazo renoviĝas; Esperanto fariĝis financan aferon por multaj personoj; post decido de la Delegacio, li ricevis el Genève avizon de Scienca Societo kiu decidis ke lingvo de la Delegacio estas lingvaĉo kaj li mem subsignis ateston pri tio. Hodiaŭ li klare vidas ke sama okazo ankaŭ renoviĝis, oni lin erarigis; kaj tamen preskaŭ ĉiuj ĵurnaloj ĵuras ke ili estos fidelaj ĝis morto; baldaŭ ĉiuj mortos. Nenio povus haltigi la homan progreson.

Sroj Centner kaj Seynave, el Verviers, sciigas ke ekzameno de la reformoj proponitaj de la Delegacio estas necesa, oni ne povas stariĝi kontraŭ la progreso kaj la netuŝebleco de ia Fundamento aŭ de iaj doktrinoj, kiuj povus nur faligi nian kaŭzon. Sinjoro Seynave sciigas ankaŭ ke li ne akceptos renovigon de sia mandato ĉe la Komitato. Saman deklaracion faras Fraŭlino Lecointe kaj Sro Jos. Jamin. Sro Luc. Blanjean, vicprezidanto de la Ligo estas ankaŭ malnova defendanto de la kaŭzo, li estis Volapukisto kaj certigas ke la Volapuk estis en plena sukceso kiam ĝiaj mallertaj direktantoj fariĝis necedemaj; la disvastigado de la lingvo per libroj kaj ĵurnaloj estis tiel intensiva kiel la nuna Esperanta disvastigo; li ankaŭ sciigas ke li ne povas antaŭeniri kontraŭ la progreso.

Sro Witteryck el Bruĝo, frato Izidoro kaj Sro Swagers el Antverpeno prezentas ankaŭ sian opinion. La debato estas iom konfuza. Sro Seynave proponas finon de la diskuto. Per voĉdono, la kunsido decidas daŭrigon de la diskuto. Sro Swagers proponas decidon per kiu la Ligo akceptus la reformojn enkondukotajn de la Lingva Komitato kaj de la Akademio. Sro Blanjean proponas rompiĝon de la Ligo kiu permesos al ĉiuj iri sian vojon. Kelkaj personoj rimarkigas ke la propono de Sro Swagers akceptas iajn reformojn, sed la fundamento kaj ĝia fama netuŝebleco ne tion permesas. Fine, Sro Swagers redaktas novan proponon, kiu akceptas la reformojn naskigitajn de la evolucio de la lingvo difinota de la aŭtoritatoj.

Oni voĉdonas.

La propono de Sro Blanjean pri rompiĝo de la Ligo estas forĵetita per grava plimulto. La sama plimulto akceptas la proponon de deklaracio de Sro Swagers.

La sepa temo de la tagordo estas la baloto por elekto de ses membroj de la Komitato (art. 7a de la Regularo).

Fraŭlino E. Lecointe, Sroj Ch. Lemaire, Luc. Blanjean, M. Seynave kaj Jos. Jamin ne akceptas novan mandaton.

Je l' fino de la kunsido, la ĉeestantaro elektas la sekvantajn membrojn, kiel komitatanojn:

Sro Raym. Van Melckebecke, el Antverpeno,
Sro Swagers, instruisto, el Antverpeno,
Sro O. Van Schoor, farmaciisto, el Antverpeno,
Sro L. Champy, inĝeniero, el Antverpeno,
Sro abato Austin Richardson, el Bruselo,
Sro Komandanto Duverdyn, el Bruĝo.

---

